3.ª Epoko * N.º 92 Januaro * 1925

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj ✶ Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



## NI PLENUMIS NIAN PROMESON

De post kiam ni anoncis la reaperadon de La Suno Hispana kaj promesis ke ni estus daŭrigantaj ĝian publikigadon, ĉiam kiam niaj hispanaj amikoj estus helpontaj nin per ilia morala influo, ni ĉiumonate laboradis senĉese por plenumi nian kompromiton. Ĉu niaj hispanaj amikoj plenumis ilian devon? Kelkaj jes; sed malmultenombraj.

Tamen, ni estas ankoraŭ pretaj daŭrigi nian taskon por la nuna jaro 1925ª, malgraŭ ke ni estas preskaŭ konvinkitaj ke ni ne devas esperi pri aliaj apogoj ol tiuj elĉerpitaj el niaj propraj energioj. Tio ne malpliigos nian kuraĝon, ĉar nia amo al la heredaĵo, kiun ni ricevis de nia neforgesebla amiko S-ro. Jiménez Loira, estas tiel granda, ke ni ne malantaŭeniros antaŭ la indiferenteco de tiuj, kiuj sin nomas samideanoj.

Al niaj fidelaj amikoj ni volas diri ke ili povas plenkonfide esperi pri ni en tiuĉi jaro 1925ª. Ni daŭrigos niajn laborojn kaj certe La Suno Hispana ne malaperos kvankam nia esperantista ĉielo hispana kovriĝos je maldensaj nuboj, kiuj di-

## HEMOS CUMPLIDO NUESTRA PROMESA

Desde que anunciamos la reaparición de La Suno Hispana y prometimos que continuaríamos su publicación, siempre que nuestros amigos los españoles nos ayudaran con su influencia moral, trabajamos constantemente cada mes para cumplir nuestro compromiso. ¿Acaso muchos amigos españoles, cumplieron su deber? Algunos, sí; pero muy pocos.

Sin embargo, estamos aún dispuestos a proseguir nuestra tarea en el año actual 1925, aunque estamos casi convencidos de que no debemos abrigar la esperanza de otros apoyos que aquellos que obtengamos de nuestras propias energías. Ello no aminorará nuestro empeño, pues nuestro amor a la herencia que recibimos de nuestro inolvidable amigo Sr. Jiménez Loira, es tan grande que no retrocederemos ante la indiferencia de aquellos que se titulan *samideanos*.

A nuestros fieles amigos queremos decir que pueden confiadamente tener esperanza en nosotros, durante este año 1925. Nosotros continuaremos nuestros esfuerzos, y seguramente La Suno Hispana no desaparecerá aunque nuestro cielo

siĝos baldaŭ por la bono de niaj helaj kaj puraj interna ideo kaj alta rolo de Esperanto en la tuta mondo.

Ni plenumis nian promeson dum la pasinta jaro 1924a. De januaro ĝis decembro, ĉiumonate, ni sendis al niaj legantoj nian monatan gazeton, kaj nia SUNO HISPANA varmigis per paca fairo la malvarmiĝintajn korojn de nia samideanaro hispana. Do, nune, kiam nia entrepreno marŝas tra la vojo, kiu enkondukos ĝin al la definitiva venko, ni devas daŭrigi la batalon, kaj nia SUNO devas lumigi ĝian batalkampon ĝis la fino, kaj antaŭ ol atingi nian venkon, se necese estas, aperos inter ni nova Josué, kiu haltigos la SUNON en la esperantista hispana ĉielo, por eviti ke niaj timemuloj forkuros en la ombron de la malespero.

ANDRÉS PIÑÓ.

esperantista hispano se cubra de ligeras nubes, que se disiparán en breve para bien de nuestros límpidos y puros ideales, interna e importante misión del Esperanto en todo el mundo.

Nosotros hemos cumplido nuestra promesa en el pasado año 1924. Desde enero a diciembre, todos los meses remitimos a nuestros lectores nuestro periódico mensual, y nuestro SUNO HISPANA prestó calor de paz a los entibiados corazones de nuestros correligionarios españoles. Por lo tanto, ahora que nuestra empresa marcha por el camino que ha de conducirnos al definitivo triunfo, debemos continuar el combate, y nuestro SUNO (Sol) debe iluminar el campo de batalla hasta el fin, y antes de alcanzar nuestra victoria, si necesario fuese, aparecería entre nosotros un nuevo Josué, quien detendrá al Sol (SUNO) en el cielo esperantista español, para evitar que muchos pusilánimes huyan y se internen en la sombra de la desesperación.

---

# Amo malproksima

En la kvieto de l' soleca ĉambro,
plena de lum', en nekonata urbo,
¡mia koro por ŝi, kiu for loĝas!

Meze de l' bru' de malagrablaj stratoj,
plenaj de trairantoj multiĝantaj,
¡mia koro por ŝi, kiu for loĝas!

De la kvietaj arboj sub la paco,
kien mi venis kun turment', malforta,
¡mia koro por ŝi, kiu for loĝas!

Dum elĉerpiĝo de la tutaj fortoj,
kiel akvofluad' disperdiĝantaj,
¡mia koro por ŝi, kiu for loĝas!

¡Mia koro por ŝi, kiu for loĝas
kaj serĉas min per la rigard' kaj ploras!
¡Iĝu kalik', hostio kaj altaro,
mia koro, por ŝi, kiu for loĝas!

*El la hispana lingvo tradukis,*
JAKO GRAU CASAS.

# Amor lejano

En la quietud del cuarto solitario,
lleno de luz, en la ciudad extraña,
¡mi corazón, por la que vive lejos!

Entre el bullicio de las agrias calles
llenas de gente, que se multiplica,
¡mi corazón, por la que vive lejos!

Bajo la calma de los quietos árboles,
a donde llego atormentado y débil,
¡mi corazón, por la que vive lejos!

Entre el agotamiento de las fuerzas,
que, como agua sin cauce, se malgastan,
¡mi corazón, por la que vive lejos!

¡Mi corazón, por la que vive lejos,
y abre los ojos, y me busca y llora!
¡Hazte cáliz y altar, hostia y custodia,
mi corazón, por la que vive lejos!

EDUARDO MARQUINA.



**Dro. FELIKSO BILBAO,**

nia malnova grupano, estis altrangigata al la Tcrtosa episkopa seĝo, kiel helpanto de la tiea episkopregiono. Ni tutkore gratulas nian honorindan samideanon kaj esperas ke li ne forgesos nin, kvankam li estos devigata forlasi Valencion por tie okupi tiel altrangan postenon.

**El Dr. D. FELIX BILBAO,**

nuestro antiguo consocio, ha sido elevado a la silla episcopal de Tortosa, como auxiliar de aquel obispado. Felicitamos cordialmente a nuestro respetable correligionario y esperamos que no nos olvidará, aunque se ausente de Valencia para ocupar allí tan elevado cargo.

## INTERNACIA KONFERENCO

**por la uzado de Esperanto en sciencaj kaj teknikaj rondoj**

**Paris, majo, 1925**

*La Scienca Asocio* Esperantista de nun organizas Internacian Konferecon, kies celo estas trastudi la diversajn rimedojn taŭgajn por efektivigi la deziresprimon de diversaj personoj kaj francaj Societoj sciencaj aŭ teknikaj, kiuj sin montris favoraj al pliplena uzado de Esperanto en siaj rondoj.

Tiu Konferenco okazos en Paris, majo 1925.

La scienculoj kaj la teknikistoj ĉiulandaj, kiuj jam aprobis la uzadon de Esperanto, estos invitataj; plie la Sciencaj kaj Teknikaj Societoj diverslandaj, kiuj jam montris ian intereson pri la lingvo, aŭ kiujn ni esperas konvinki per konstato de faktoj, estos petataj tien sendi delegitojn.

La programo estos jena:

1°) Raportoj pri la agado de Scienca Asocio kaj aliaj teknikaj Esperantistaj Societoj depost 1906, por konigi kaj disvastigi la uzon de Esperanto; rezultato de iliaj klopodoj.

2°) Komuna studado de la rimedoj konsilitaj de la Asocio por intensigi ĝian agadon: decidoj alprenotaj de la oficialaj diversnaciaj estraroj por la instruado de nia lingvo, kaj por plifaciligi ĝian uzadon al scienculoj kaj teknikistoj—Metodoj rekomendindaj por la verkado de Esperantaj teknikaj vortaroj—Fondo de daŭra organismo komisiota por realigi la decidojn de la konferenco kaj instigi bonajn rezultatojn—Publikigado de perioda Scienca Revuo en Esperanto—Eventuala partopreno ĉe la Internacia intelekta kooperado—k. t. p...

*La aliĝo al tiu konferenco estas sen-*

## CONFERENCIA INTERNACIONAL

**para el empleo del Esperanto en las relaciones de las ciencias y la técnica**

**París, mayo, 1925**

*La Asociación Científica* Esperantista organiza desde ahora una Conferencia Internacional, cuyo objeto es estudiar los diversos medios propios para realizar los deseos expresados por varias personas y por Sociedades francesas científicas o técnicas, que se han manifestado en favor del pleno uso del Esperanto en sus relaciones.

Aquella Conferencia tendrá lugar en París, en mayo de 1925.

Los hombres de ciencia y los técnicos de todos los países, que ya han aprobado el empleo del Esperanto, serán invitados; además, a las Sociedades Científicas y Técnicas de distintos países, que ya han demostrado algún interés por dicho idioma, o a quienes esperamos convencer con hechos comprobados, se les rogará envíen sus delegados.

El programa será el siguiente:

1.°) Memorias sobre la actuación de la Asociación Científica y otras Sociedades técnicas Esperantistas desde 1906, para dar a conocer y propagar el uso del Esperanto; resultado de sus esfuerzos.

2.°) Estudio mancomunado de los medios aconsejados por la Asociación para intensificar su labor; acuerdos que deben adoptarse por las juntas directivas oficiales de diversas naciones para la enseñanza de nuestro idioma, y para facilitar su empleo a los científicos o técnicos —Métodos recomendables para la confección de vocabularios técnicos en Esperanto—Fundación de un organismo permanente encargado de realizar los acuerdos de la Conferencia y obtener los mejores resultados—Publicación de una Revista Científica periódica en Esperanto —Participación eventual en la cooperación Internacional de intelectuales—etc.

*La adhesión a dicha conferencia es*

*paga; sed la organiza komitato plej danke ricevos mondonacojn, ĉu grandajn, ĉu malgravajn.*

De la organiza komitato estas *honorprezidanto S-ro Generalo Sebert*, ano de Franca Scienca Akademio—La prezidanto estas *S-ro Rollet de l'Isle*, ĝenerala Hidrografia Inĝeniero de la Franca Maristaro.

*gratuita; pero el comité organizador agradecerá profundamente los donativos que se le envíen, ya grandes, ya de poca importancia.*

Del comité organizador es *presidente honorario el General Sebert*, miembro de la Academia de Ciencias francesa—El presidente será el *Sr. Rollet de l'Isle*, Ingeniero general de Hidrografia de la Marina Francesa.

---

# Deveno de taŭroludoj kaj iom da historio

(Daŭrigo)

Laŭ *Suetonio*, imperiestro *Claudio*, organizis taŭrludojn, kiujn oni okazigis post aliaj ludoj en la cirkoj, kaj en tiuj taŭrludoj, rajdantoj el *Thesalia* eĉ rajdis sur la taŭroj, ili faris kelkajn aliajn ludojn kaj fine ili mortigis la taŭrojn, pikante iliajn nukojn per akra ponardo.

Oni daŭrigis ĉi tiujn ludojn en la cirkoj; ĝenerale partoprenis ilin mortkondamnitoj, ĝis kiam la homama imperiestro *Theodosio* malpermesis ilin absolute.

Tamen ne estas fundamentoj kredigantaj disvastiĝon de la taŭrludoj tra romanaj provincoj escepte en Hispanujo, en kiu certe oni imitis la kutimon de la cezaro mem, kiam li venis al ĉi tiu romana provinco batali kontraŭ la filo de *Pompeyo;* kaj escepte ankaŭ en Afriko, imitante lin, kiam li iris tien militi kontraŭ *Juba*, reĝo de *Maŭritania*, kiun la cezaro venkis.

Certe la Hispanoj multe ŝatis la batalojn kontraŭ sovaĝaj bestoj, ĉar atestas tion la cirkoj, kies ruinojn ankoraŭ oni vidas en Hispanujo, speciale tiujn de *Toledo*, *Mérida*, *Sagunto* kaj *Italica* apud

# Origen de las corridas de toros y un poco de historia

(Continuación)

Según *Suetonio*, el emperador *Claudio* organizó corridas de toros, que tenían lugar después de otros juegos en los circos, y en esas corridas, jinetes de *Thesalia* hasta cabalgaron sobre toros y realizaron otras proezas, matando, finalmente, los toros por golpes de agudo puñal en la nuca.

Se continuaron estas fiestas en los circos; en general los condenados a muerte tomaban parte en ellas, hasta que el humanitario emperador *Theodosio* las prohibió en absoluto.

No obstante, no existen fundamentos que acrediten la difusión de las corridas de toros por las provincias romanas, a excepción de España, en donde ciertamente se imitó la costumbre del César mismo, cuando éste vino a esta provincia romana a combatir al hijo de *Pompeyo;* y excepto también en África, imitándole, cuando fué allá a guerrear contra *Juba*, rey de la *Mauritania*.

Seguramente los Españoles fueron muy amantes de las luchas con fieras, pues así lo atestiguan los circos, cuyas ruinas aún se ven en España, especialmente las de *Toledo*, *Mérida*, *Sagunto* e *Itálica*,

*Sevilla.* Sed, ĉar en Hispanujo ne estis sovaĝaj bestoj apenaŭ, kaj alvenigi ilin estis tro multekosta kaj malfacila afero, oni povas certigi, ke nur oni ludis taŭrojn kaj okaze ursojn, super ĉio taŭrojn, kiuj estis tre abundaj, sovaĝaj kaj rapidmovaj.

Laŭ grava kaj sufiĉe disvastigita opinio, *toreadori* estas maŭra elpensitaĵo, kaj la maŭroj alportis al ni tiun kutimon, kiam ili invadis Hispanujon; kaj ni kutimiĝis kontente je tia ludo. La taŭrludado estis tre disvastigata kutimo ĉe la Mahometanoj, kaj el ili akceptis la kutimon la Kristanoj, kiuj okazigis taŭrludojn kun tiuj kavaliraj festoj en kiuj oni ludis armilojn; kaj la nobeluloj estis tiuj, kiuj pli ŝatis partopreni la ludon en tiu epoko. La *Cid* mem amuziĝis kaj amuzis ĉeestantarojn lancomortigante de sur ĉevalo sovaĝajn taŭrojn.

Okaze de la edziĝfesto de *Alfonso VII^a^* kun *D.^a^ Berenguela la Chica* (la Malplejaĝa), filino de la grafo de *Barcelona*, oni okazigis taŭrludojn en *Saldaña*, je 1244; kaj same okazis en *León*, kiam *Alfonso VIII^a^* edzinigis sian filinon *doña Urraca* kun la reĝo de *Navarra*, kun *D. García.*

Dum regado de *D. Juan II^a^ de Castilla*, estis kiam ĉi tiuj festoj pli brilis, ĉar ĝentileco miksiĝis kun la ludoj, kaj kavalireco postulis al amanto konstati lian kuraĝon antaŭ amatino ludante sovaĝan taŭron; kaj eĉ la reĝo mem partoprenis multfoje la ludojn, kaj rimarkinde kiam li edziĝis kun D.^a^ María de Aragón.

La kuraĝaj maŭroj de *Granada Malique Alabez*, *Muza* kaj *Gazul*, ĉe la areno de *Bibarrambla*, tiel kuraĝe, gracie, lerte kaj rave ludis sovaĝajn taŭrojn, ke famo flugis ĉien pri la tri maŭroj, kaj la famo stimulis la hispanajn kavalirojn; multaj el ĉi tiuj eĉ ludis samtempe kelkajn sovaĝajn taŭrojn, kaj fojojn, iuj kavaliroj falis mortvundite sur la arenon; kaj ju-pli la tempo pasis, des pli riskaj kaj

junto a *Sevilla.* Pero como en España no había fieras apenas y traerlas era demasiado caro y difícil, se puede asegurar que solamente se luchó con toros y ocasionalmente con osos, pero sobre todo con toros, que abundaban, eran muy bravos y ágiles.

Según importante y muy extendida opinión, torear es una creación de los moros, y éstos introdujeron entre nosotros esa costumbre cuando invadieron España; y nosotros nos acostumbramos a la fiesta con gran contento. Las corridas de toros eran costumbre muy extendida entre los Mahometanos, y de ellos las tomaron los Cristianos, que celebraban las corridas con aquellas fiestas caballerescas en que se jugaban las armas; y los nobles fueron los que más estimaron tomar parte en ellas en aquella época. El *Cid* mismo se recreó y recreó a los demás, matando a caballo y por un golpe de lanza toros bravos.

Con ocasión de las fiestas matrimoniales de *Alfonso VII* con *D.^a^ Berenguela la Chica*, hija del conde de *Barcelona*, se celebraron corridas de toros en *Saldaña*, en 1244; e igualmente ocurrió en *León* cuando *Alfonso VIII* casó a su hija *D.^a^ Urraca* con el rey de *Navarra*, con *D. García.*

En el reinado de *D. Juan II de Castilla* fué cuando estas fiestas brillaron más, porque la galantería se mezcló con las luchas, obligando al amante a demostrar su valor ante la amada corriendo un toro bravo; y hasta el mismo rey, en muchas ocasiones, tomó parte en las corridas, y de un modo notable cuando se casó con D.^a^ María de Aragón.

Los valientes moros granadinos *Malique Alabez*, *Muza* y *Gazul*, en la plaza de *Bibarrambla*, tan brava, artística, inteligente y maravillosamente corrieron toros bravos, que la fama de los tres moros voló por todas partes, y estimuló a los caballeros españoles, muchos de los cuales hasta torearon varios toros al mismo tiempo, y, a veces, algunos caballeros caían heridos de muerte sobre la arena;

oftaj estis tiuj-ĉi ludoj. Dum regado de *Enrique IVª* la festo atingis la plej grandan brilon. La poetoj de la xvª kaj xviª jarcentoj kantis ĉi tiujn spektaklojn ofte, kaj ankaŭ la ĝenerala Romancero, kiu estis la popola poezio, pro kio oni povas kompreni la entuziasmon por la taŭrludoj.

Oni ne scias precise la daton, kiam taŭrludo fariĝis publika spektaklo; sed per la urbleĝoj de *Zamora*, oni scias, ke je la lastaj jaroj de la xiiiª jarcento estis jam starigita areno por tiuj ludoj; samon konstatas aliaj dokumentoj, kaj la kroniko de *D. Pedro Niño*, unua parto, viiª ĉapitro, raportas la taŭrludadojn en *Sevilla*, pro la eniro de *Enrique IVª*, en starigita areno por tiu celo.

La Katolica Reĝino, *Isabel Iª*, terurigita de unu el tiaj festoj, intencis malaperigi ilin; sed la nobeloj, emaj je la ludoj, sukcesis ilin konservi eĉ perfektigi dum la regado de *Carlos Iª*, kiu estis tre favora kaj protektema je la festo, eĉ entuziasma, ĉar li mem *toreadoris* kaj mortigis taŭron per lancofrapo en *Valladolid* dum festoj pro naskiĝo de sia filo, *Felipe IIª*, kiu ankaŭ estis tre entuziasma, malgraŭ sia karaktero, je la festo.

*Felipe IIIª* ankaŭ protektis la taŭrfestojn, kaj dum regado de *Felipe IVª*, la festo akiris plej grandan solenecon kaj oftecon, en la *Retiro*, uzante por la ludo regulojn donitajn de famaj kavaliroj *Bonifaz, Trejo, Torres, Novelli Baragaña* kaj aliaj.

Dum *Felipe Vª*, malamiko de la taŭrludo, rimarkinde malprogresis la festo; la nobeloj forlasis ĝin, sed la popolo, tre entuziasma je ĝi, daŭrigis ĝin kaj perfektigis la arton.

*Carlos IIIª* malpermesis ĝin, sed sekvantaj reĝoj permesis la ludojn kaj eĉ oni fondis instruejojn por profesiaj toreado-

y cuanto más pasaba el tiempo, más peligrosas y frecuentes eran estas fiestas. En el reinado de *Enrique IV*, la fiesta alcanzó su máximo esplendor. Los poetas de los siglos xv y xvi cantaron estos espectáculos con frecuencia, y también Romancero general, que era la poesía popular, por lo que se puede comprender el entusiasmo por las corridas de toros.

No se sabe con precisión la fecha en que las corridas de toros se convirtieron en espectáculo público; pero, por los privilegios de *Zamora*, se sabe que en los últimos años del siglo xiii se levantó ya una plaza para tales corridas; lo mismo se asegura por otros documentos, y la crónica de *D. Pedro Niño*, segunda parte, cap. vii, habla de las corridas en *Sevilla*, con motivo de la entrada de *Enrique IV* en una plaza levantada con dicho objeto.

La Reina Católica, *Isabel I*, aterrorizada por una de tales fiestas, intentó hacerlas desaparecer; pero la nobleza, entusiasmada por la fiesta, consiguió conservarlas, hasta perfeccionarlas durante el reinado de *Carlos I*, que era muy amante y protector de la fiesta, y hasta tan entusiasta, que él mismo toreó y mató de una lanzada un toro en *Valladolid*, durante las fiestas por el natalicio de su hijo *Felipe II*, quien también fué muy entusiasta de los toros a pesar de su carácter.

*Felipe III* también protegió las fiestas de toros, y durante el reinado de *Felipe IV*, la fiesta adquirió la mayor solemnidad y frecuencia en el *Retiro*, poniéndose en vigor reglas dadas por famosos caballeros, como *Bonifaz*, *Trejo*, *Torres*, *Novelli Baragaña* y otros.

Con *Felipe V*, enemigo de las corridas, decayó la fiesta de un modo notable; los nobles la abandonaron, pero el pueblo, muy entusiasta por ella, la continuó y perfeccionó el arte.

*Carlos III* las prohibió, pero sus sucesores las volvieron a consentir y hasta se fundaron escuelas para profesionales

roj. En *Ronda*, *Sevilla* kaj *Córdoba*, estis la ĉefaj instruejoj, el kiuj eliris famegaj toreadoroj. *Francisco Montes* kaj *Chiclanero* estis la toreadoroj kiuj pli reguligis la arton.

J. M. R.

del toreo. En *Ronda*, *Sevilla* y *Córdoba* estuvieron las principales escuelas, de las que salieron famosos toreros. *Francisco Montes* y *Chiclanero* fueron los toreros que más metodizaron el arte.

---

# Esperanto-Movado en Iberio

### Barcelona

Kaŭzis ĝeneralan kondolencon al tuta loka esperantistaro, la morto de S-ino. Klara Zamenhof, edzino de nia neforgesebla Majstro.

Pro ricevo de tiu sciigo, oni ne okazigis vesperfeston aranĝitan ĉe *Ateneo Barcelonés* por solenigi la naskiĝtagon de D-ro Zamenhof.

◆ ◆ ◆

En eksterordinara kunsido okazinta ĉe *Kataluna Esperantista Federacio*, oni interkonsentis unuanime novajn bazojn pri ĝia bonefika reorganizo.

Kaŭze de tiuj decidoj, *Kataluna Esperantisto*, oficiala organo de K. E. F., aperos regule ĉiumonate, komence de januaro.

◆ ◆ ◆

Grava societo *Radio-Club Cataluña*, verŝajne disaŭdigos Esperanto-kurson inter siaj membroj se la registaro permesas al ĝi funkciadon de sendstacio.

Se oni tion atingas, estos pro la klopodoj de *Barcelona Esperanto-Grupo* el *Juventud Católica*.

◆ ◆ ◆

Bonan impreson kaŭzis al multnom-

# Movimiento Esperantista en Iberia

### Barcelona

Causó general sentimiento entre el esperantismo local, la muerte de la señora Clara Zamenhof, esposa de nuestro inolvidable Maestro.

Por haberse recibido tal noticia, se suspendió la velada que debía celebrarse en el *Ateneo Barcelonés* para solemnizar la fecha del nacimiento del Dr. Zamenhof.

◆ ◆ ◆

En reunión extraordinaria celebrada por la *Kataluna Esperantista Federacio*, se acordaron nuevas bases para su eficaz reorganización.

Como consecuencia de tales acuerdos, *Kataluna Esperantisto*, órgano oficial de la K. E. F., aparecerá, regularmente, todos los meses a partir de enero.

◆ ◆ ◆

La importante sociedad *Radio-Club Cataluña*, parece ser que emitirá un curso de Esperanto entre sus miembros, si el Gobierno le permite el funcionamiento de una estación emisora.

Si ello se verifica, será debido a los trabajos del *Barcelona-Esperanto Grupo* de la *Juventud Católica*.

◆ ◆ ◆

Ha producido buena impresión el

braj esperantistoj ĉi-tieaj la sciigo de okazonta IIIª Kongreso de Iberiaj esperantistoj.

La daŭron de tiaj kunvenoj oni konsideras kiel revigliĝon de Esperanto en Iberiaj landoj.

### Gerona

Semajna socialista gazeto el *San Feliu de Guixols* «Acción Social», publikiĝas ampleksan felietonon en kiu per ĉiusemajna leciono disvolviĝas Esperanto-kurso.

### Palma de Mallorca

Oni laboras entuziasme por la okazigo ci tie, de la XIIª Kongreso de K. E. F., kaj la grandega festo *Internaciaj Floraj Ludoj*.

Nia amiko el Barcelona, la aktiva samideano kaj lingva profesoro S-ro. Delfín Dalmáu, diris ĉe *Associació de Cultura* interesan paroladon, pro kies konvinka rezonado ricevis la aprobon de ĉiuj aŭskultantoj.

anuncio de celebrarse el III Congreso de Esperantistas Ibéricos.

La continuación de estas asambleas, se considera como un resurgimiento de Esperanto en tierras de Iberia.

### Gerona

El semanario socialista de *San Feliu de Guixols* «Acción Social», publica un amplio folletón en el que, por lecciones semanales, se desarrolla un curso de Esperanto.

### Palma de Mallorca

Se trabaja con entusiasmo para la celebración en ésta, del XII.º Congreso de la K. E. F. y de la grandiosa fiesta de los *Juegos Florales Internacionales*.

Nuestro amigo de Barcelona, el activo *samideano* y profesor de idiomas, don Delfín Dalmáu, explicó en la *Associació de Cultura* una interesante conferencia, por cuyos convincentes razonamientos mereció la aprobación de los oyentes.

---

## SCIIGOJ

La tutmonda esperantistaro funebras nun pro la morto de Sinjorino Klara Zamenhof, la bonkora kaj sinoferema vidvino de nia plorata Majstro, okazinta la 6an de decembro lasta.

Oni prave nomis ŝin *la patrino de Esperanto*, ĉar ĉiu esperantisto scias kian gravan rolon ŝi ludis ĉe la batalado, kiun ŝia edzo, la genia elpensinto de nia internacia lingvo, estis devigata subteni kontraŭ la batoj de la sorto, dum preskaŭ la

## NOTICIAS

Los esperantistas de todo el mundo están ahora de luto por la muerte de la Sra. Clara Zamenhof, la cariñosa y abnegada viuda de nuestro llorado Maestro, ocurrida el 6 de diciembre último.

Se la ha llamado con razón *la madre del Esperanto*, porque todo esperantista sabe cuán importante papel desempeñó en la lucha que su esposo, el genial inventor de nuestra lengua internacional, estuvo obligado a sostener contra los

tuta vivo, por triumfigi sian idealon, kiun eble li estus forĵetinta en kelkaj malfacilaj okazoj, se al li estus mankantaj la profunda amo kaj konstanta vivofero per kiuj ŝi kuraĝigis lin, por daŭrigi liajn klopodojn ĝis la fina venko.

Honoron al tiu modela edzino kaj patrino!

Ke ŝi pace ripozu, kaj ni sendas nian sinceran kondolencon al ŝia respektinda familio.

golpes de la suerte, durante casi toda la vida, para hacer triunfar su ideal, que tal vez hubiera abandonado en algunas ocasiones difíciles, si le hubiesen faltado el profundo amor y constante sacrificio con los cuales ella le animaba, para continuar sus esfuerzos hasta la victoria final.

¡Honor a aquella esposa y madre modelo!

Que en paz descanse, y nosotros enviamos nuestro sincero pésame a su respetable familia.

---

Alian malĝojigan novaĵon ni devas komuniki al niaj legantoj: tio estas la morto de S-ro. Gaŭdencio Vázquez, delegito de U. E. A. en Nerva (Huelva), okazinta antaŭ du monatoj, sed pri kiu ni nur sciis antaŭ nelonge. S-ro. Vázquez estis unu el la plej entuziasmaj samideanoj kaj agemaj delegitoj de U. E. A., kies laboro estis tre fruktodona ĉe lia regiono, kie multaj varbitoj al nia ideo certe memoros ĉiam lian nomon kaj sindonemon por la propagando de Esperanto.

Ni multe bedaŭras lian malaperon, kaj ankaŭ ni esprimas nian profundan kondolencon al lia estiminda familio.

Otra triste noticia tenemos que comunicar a nuestros lectores: es el fallecimiento de D. Gaudencio Vázquez, delegado de U. E. A. en Nerva (Huelva), que tuvo lugar hace dos meses, pero del cual no nos hemos enterado hasta hace poco.

El Sr. Vázquez era uno de los más entusiastas *samideanos* y activos delegados de U. E. A., cuya labor fué muy fructífera en su región, donde muchos adheridos a nuestra idea recordarán siempre ciertamente su nombre y su desprendimiento por la propaganda del Esperanto.

Mucho sentimos su desaparición, y también manifestamos nuestro profundo pésame a su apreciable familia.

---

*Ŝanĝo de adreso.*—La sidejo de la grupo *Paco kaj Amo* el Barcelono, estas de nun la jena: Strato Ros de Olano, 6 (interior), Barcelona (Hispanio).

*Cambio de dirección.*—El domicilio del grupo *Paco kaj Amo*, de Barcelona, es desde ahora el siguiente: Calle Ros de Olano, 6 (interior), Barcelona (España).

---

La fako *Literatura Rondo* el la grupo *Barcelona Stelo* (Marqués del Duero,

La sección *Literatura Rondo* del grupo *Barcelona Stelo* (Marqués del Duero,

101), Barcelona (Hispanio), ĵus organizis ciklon de paroladoj kaj legadoj pri esperanta literaturo, ĉu per originalaj verkoj, ĉu per tradukoj. Multe oni laŭdis la paroladintojn S-rojn. Amades, Grau Casas, Solá kaj Dalmaŭ.

Ni kore gratulas ilin pro ilia bonega kaj fruktoporta laboro.

101), Barcelona (España), acaba de organizar un ciclo de discursos y lecturas sobre literatura esperantista, ya con obras originales, ya con traducciones. Mucho se ha ensalzado a los oradores Sres. Amades, Grau Casas, Solá y Dalmáu.

Felicitámosles cordialmente por su excelente y fructífera labor.

---

Ni varme rekomendas al niaj legantoj la belan poezian verkon de nia kara samideano S-ro. Jako Grau Casas, titolitan *Amaj Poemoj*. Tiu verko meritis la plej aprobajn laŭdojn de la ĉefaj esperantaj gazetoj, nome, de *Esperanto Triumfonta*, *Literatura Mondo*, *Konkordo*, *Esperantio*, k. t. p., pro ĝiaj stilo kaj perfekta versfarado, vere montrantaj originalan kaj delikatsentan poeton, kiu superregas la plej malfacilajn versformojn.

La verko estas aĉetebla po unu peseto ĉe la aŭtoro: strato Claris, 72, Barcelono.

Recomendamos calurosamente a nuestros lectores la hermosa obra poética de nuestro querido *samideano*, don Jaime Grau Casas, titulada *Amaj Poemoj*. Esta obra mereció las más entusiastas alabanzas de las principales revistas esperantistas, a saber: de *Esperanto Triumfonta*, *Literatura Mondo*, *Konkordo*, *Esperantio*, etc., por su estilo y perfecta versificación, verdaderamente demostrativas de un poeta original y de sentimientos delicados, que domina los más difíciles metros.

El libro puede adquirirse por una peseta en casa del autor: calle Claris, 72, Barcelona.

---

Tiu ĉi sama aŭtoro preparas gravegan verkon literaturan: *Kataluna Antologio de modernaj poetoj kaj prozistoj*, kompilaĵon el pli ol sepdek katalunlingvaj aŭtoroj, tradukitaj en Esperanto de la jenaj konataj esperantistoj: Bremon, Capdevila, Casanovas, Delfino kaj Josefo Dalmáu, Doménech, Durá, Galcerán, Gili, Jako kaj Josefo Grau, Guardiet, Inglada, Martí, Pellicer, Pujulá, Renom, Sabadell, Serdá, Solá, Torné, Torréns, Ventura kaj Vinyes.

Krom la tradukoj la verko enhavos

Este mismo autor tiene en preparación una muy importante obra literaria: *Antología Catalana de poetas y prosistas modernos*, compilación de más de setenta autores en lengua catalana, traducidos al Esperanto por los siguientes conocidos esperantistas: Bremón, Capdevila, Casanovas, Delfín y José Dalmáu, Doménech, Durá, Galcerán, Gili, Jaime y José Grau, Guardiet, Inglada, Martí, Pellicer, Pujulá, Renom, Sabadell, Serdá, Solá, Torné, Torréns, Ventura y Vinyes.

Además de las traducciones, la obra

mallongajn studojn kaj bibliografiajn notojn pri ĉiu aŭtoro; ĝi konsistos el 400 paĝoj, formato 22 × 16 cm., kaj estos presita sur luksa papero kaj tole bindita per verda kovrilo kun orkoloraj literoj.

La libro kostos 12 pesetojn, kiujn ĉiu aĉetpromesanto devos liveri nur kiam li estos sciigita pri la atingo de sufiĉa nombro da ili por fari la eldonon, kaj tri monatojn post la pago, ili ricevos la verkon.

Oni petu de S-ro. Eduardo Capdevila, Kasisto de *Eldona Komitato de la Kataluna Antologio*, Carders, 29, Barcelona.

---

Nova delegiteco de U. E. A. en Hispanio: estas elektitaj por *Badajoz*, Delegito, S-ro. Luis Campos Suay, strato Hernán Cortés, 11; Vicdelegito, S-ro. Antono Veloso Delgado, fandisto, Afligidos, 49.

Ni gratulas tiujn samideanojn pro ilia elekto kaj deziras al ili grandajn sukcesojn en la propagando de nia kara idealo.

---

*Malavara donaco.*—S-ino. Annie E. Mudie, la dolorata vidvino de nia mortinta pioniro angla, S-ro. Bolingbroke Mudie, donacis por la 50.000 ŝilinga fundo de Brita Esperanto-Asocio la malavaran donacon de 100 anglaj funtoj kiel memoraĵon al sia neforgesebla edzo.

En venontaj numeroj ni publikigos la similajn donacojn *ricevotajn* por nia Iberia Esperantista Federacio, de malavaraj hispanaj amikoj.

---

contendrá breves estudios y notas bibliográficas de cada autor; constará de 400 páginas, formato 22 × 16 cm., y será impresa en papel de lujo y encuadernada en tela con tapas verdes y letras doradas.

El libro costará 12 pesetas, que todo el que prometa comprarlo deberá entregar cuando se le participe que se ha alcanzado el número suficiente de ellos para hacer la edición, y tres meses después del pago, recibirán la obra.

Pídase a D. Eduardo Capdevila, Cajero del *Comité editorial de la Antología Catalana*, Carders, 29, Barcelona.

---

Nueva delegación de U. E. A. en España: se han elegido, para *Badajoz*, Delegado, D. Luis Campos Suay, calle Hernán Cortés, 11; Subdelegado, D. Antonio Veloso Delgado, fundidor, Afligidos, 49.

Felicitamos a aquellos correligionarios por su elección y les deseamos grandes éxitos en la propaganda de nuestro caro ideal.

---

*Espléndido donativo.*—La Sra. Annie E. Mudie, la afligida viuda de nuestro fallecido campeón inglés, Sr. Bolingbroke Mudie, donó para el fondo de 50.000 chelines de la Asociación Esperantista Británica el espléndido regalo de 100 libras esterlinas como recuerdo a su inolvidable esposo.

En números siguientes publicaremos los donativos semejantes *que se reciban* para nuestra Federación Esperantista Ibérica, de espléndidos amigos españoles.

---

La hispana monata gazeto *Revista Técnica de la Guardia civil* publikigas tre gravan artikolon de S-ro. Mangada, pri intervjuo de Generalo Gavanescul treege favora al Esperanto kaj ankaŭ diversajnsciigojn pri disvastigo de nia lingvo en la tuta mondo. La Redakcio promesas publikigi en ĝiaj paĝoj Gramatikon de Esperanto por facila lernado de la kelpa lingvo; ĝi speciale estas dediĉata al la individuoj de tiu korpuso.

Ni gratulas nian senlacan pioniron S-ro. Mangada pro liaj laboremo kaj sukceso.

---

Lasthore ni ricevis, la jenan telegramon, kiun ni plezure puklikigas.—«Kunvenanta ĝenerala kunsido esperantista grupo el Badajoz decidis sendi al SUNO HISPANA koran saluton kun varma deziro pri baldaŭa triumfo de Esperanto.—*De Pablo*, Sekretario».

La revista mensual española, *Revista Técnica de la Guardia civil*, publica un importante artículo del Sr. Mangada acerca de cierta conferencia del General Gavanescul, muy favorable al Esperanto, y también diversas noticias relativas a la divulgación de nuestro idioma en todo el mundo. La Redacción promete publicar en sus columnas una Gramática de Esperanto para la enseñanza fácil de la lengua auxiliar, especialmente dedicada a los individuos del cuerpo.

Felicitamos a nuestro infatigable campeón Sr. Mangada por su éxito y laboriosidad.

---

A última hora hemos recibido el siguiente telegrama que con gusto publicamos.—«Badajoz, reunida Junta general grupo esperantista pacense, acordó enviar a SUNO HISPANA cordial saludo con expresión vivo deseo pronto triunfo Esperanto.—*De Pablo*, Secretario».

---

# Printempa Foiro de Leipzig 1925

Post la restarigo de pacaj tutmondaj ekonomiaj kaj komercaj interrilatoj la Leipzig-a Foiro travivis eksterordinaran, unikan evoluadon. Tio, kio karakterizas ĝin hodiaŭ estas la engrupa aliĝo de preskaŭ ĉiuj komercaj kaj teknikaj branĉoj, lasttempe ankaŭ de tiuj, kiuj ĝis nun ne estis aliĝintaj—en formo kaj grado, ke la Leipzig-a Foiro fariĝis vere univer-

# Feria de Primavera de Leipzig 1925

Conseguido el restablecimiento de las relaciones comerciales y económicas mundiales, la Feria de Leipzig ha sufrido una extraordinaria transformación. Lo que hoy día la caracteriza es la adhesión agrupada de casi todas las ramas del comercio y la técnica, últimamente aún de aquellas que hasta el presente no se habían adherido, en forma y grado que la

sala kaj internacia. Diverslandaj nacioj jam hodiaŭ havas ĉi tie apartajn domojn aŭ specialajn kolektivekspoziciojn. La dumfoira komerca vivo estas tute kosmopolita kaj montras, ke la Leipzig-a Foiro estas la «mondfoiro».

La venonta Printempa Foiro 1925 estos karakterizita per la fakto, ke al la jam multaj specialaj subfoiroj aliĝos tute novaj, ekz., foiro por ĉiuspeca tekniko de varmigo, foiro por reklamo ktp., kaj per la alia fakto, ke la teknika Foiro sur areo da 400.000 kvm., sur kiu oni inaŭguros novan gigantan halon, prezentos al la internacia vizitantaro ekspozicion, kian ĝis nun la mondo ne vidis en tia amplekso kaj kompleto.

La Ĝenerala Specimenfoiro printempe 1925 okazos de la 1ª—7ª de marto, la Foiroj por Tekniko kaj Konstrufako de la 1ª—11ª de marto. La direktoraro de la Leipzig-a Foiro ĉiurilate zorgos, por ke la foirvizito estu plifaciligata al ĉiuj eksterlandanoj.

La Foiroficejo zorgis pri plurkoloraj afiŝoj kun Esperanto-teksto. Se vi deziras elpendigi tian afiŝon, bonvolu skribi al la Esperanto-Fako, por ke ĝi sendu ĝin al vi. Kompreneble ili estas haveblaj senpage.

Feria de Leipzig se ha convertido verdaderamente en universal e internacional. Diversas naciones ya tienen en ella casa propia o instalación colectiva. La vida comercial durante la feria es completamente cosmopolita y demuestra que la Feria de Leipzig es la «Feria Mundial».

La próxima Feria de Primavera de 1925, estará caracterizada por el hecho de que a las ya numerosas ferias secundarias se habrán adherido otras nuevas completamente; ejemplo, la feria para toda clase de técnica o industria de la calefacción, la feria del reclamo, etc., y por otro lado la feria técnica sobre un área de 400.000 metros cuadrados, sobre la que se inaugurará un Hall gigante, presentará a los visitantes internacionales una exposición jamás vista en cuanto a amplitud y totalidad.

La Feria General de Muestras de Primavera de 1925, tendrá lugar del 1 al 7 de marzo, la Feria Técnica y de Construcción, desde el 1.° al 11 de marzo. La Dirección de la Feria de Leipzig cuidará en todos sus aspectos por que la visita a la misma sea facilitada a todos los extranjeros.

La Oficina de la Feria ha confeccionado carteles en colores con texto Esperanto. Los que deseen exhibir tal anuncio, diríjanse a la Sección Esperantista, la que los remitirá gratuitamente.

❖ ❖ ❖ ❖ ❖

# Danzig-a Internacia Foiro

En oktobro 1924 okazis la II^a^ Danziga Internacia Foiro. Ĝi estis vizitata de komercistoj kaj firmoj el 18 diversaj landoj. Ĉiuj branĉoj estis eksterordinare kontentaj pri la atingitaj komercaj sukcesoj. De la 5^a^—8^a^ de februaro 1925 okazos en Danzig (liber-ŝtato) la III^a^ Danziga Internacia Foiro, al kiu jam aliĝis granda nombro da ekspozantoj. La favora situo de Danzig garantias al ĉiu komercisto la plej grandan vendeblecon. La Danziga Foiro mem komencos en la jaro 1925 kiel unua el ĉiuj foiroj Europaj. Ĉiujn informojn donas la estraro de la foiro (Esperanto-Fako) en Danzig.

# Feria Internacional de Danzig

En octubre de 1924 tuvo lugar la Segunda Feria Internacional de Danzig. Fué visitada por comerciantes y sociedades de 18 diversos países. Todas las ramas quedaron extraordinariamente satisfechas por el éxito conseguido. Del 5 al 6 de febrero de 1925, tendrá lugar en Danzig (estado libre), la tercera feria de dicha ciudad, a la que ya se han adherido gran número de expositores. La situación topográfica de Danzig garantiza a todo comerciante el mayor número de ventas. Dicha feria comenzará siendo la primera de las ferias europeas en este año.

Pídanse todos los informes que se deseen a la dirección de la expresada feria (Sección Esperantista).

---

# La proksima Kongreso de K. E. F.

21-24 de majo 1925^a^, Palma de Mallorca.

Venu, karaj gesamideanoj, venu tien ĉi, ĉar insulo Mallorca atendas vin kaj la palmaj samcelanoj deziregas ĉirkaŭpremi la pretermarajn esperantistojn por kunfratiĝi kun ili dum kelkaj tagoj, en kiuj okazos la solena XII^a^ Kongreso de Kataluna Esperantista Federacio kaj la grandiozaj XI^aj^ Internaciaj Floraj Ludoj, kies okazaĵoj estos ŝajne tre sukcesaj kaj brilaj, laŭ informoj ricevitaj pri nia festaro, kiun honoros, krom niaj katalunaj amikoj, samideanoj el diversaj landoj. Ni tre esperas, ke kune kun la pioniroj, de nia movado, neesperantistaj personoj ankaŭ venos por viziti nian ĉarman insulon, kiel ĝi estas nomita de fremduloj, kiuj jam vizitis ĝin. Por ĉiuj nia proksima Kongreso estos interesa, ĉar, post la laborkunsidoj, Floraj Ludoj, oficiala festeno, k. t. p., la kongresanoj dezirontaj ekskursi tra nia bela Mallorca povos fari tion; por tio, kaj por ke la samideanaro detale sciu prezojn de la ekskursoj, tempon por efektivigi ilin, kondiĉojn de loĝado ĉe hoteloj, koston de marveturo kaj de fer-

voja vojaĝo, kongresakotizon kaj aliajn sciigojn pri nia venonta Kongreso kaj ĝiaj amuzaĵoj, ni publikigos sur nia presorgano Kataluna Esperantisto la decajn informojn kaj notojn.

Decidiĝu, estimataj gekunbatalantoj, ĉeesti nian Kongreson; pretiĝu por sukcesigi ĝin; entuziasme iru antaŭen, daŭrigu vian laŭdindan agadon kaj kiel ĉiam pruvu al la tuta mondo ke nia kara Esperanto ne estas mortinta lingvo, ke la kreaĵo de nia Majstro jam estas praktika kaj utila helplingvo por ĉiaj servoj kaj homaj bezonoj; klopodu varbi al nia movado plej grandan nombron da novaj samlingvanoj por la gloro de nia sankta afero kaj por la baldaŭa venko de ni dezirata; faru tion, mi petas, por honori la rememoron de la senmorta kaj neforgesebla D-ro. Zamenhof.

Tial, ke dum nia Kongreso okazos la festo nomita Floraj Ludoj al kiu prezentas literaturaĵojn ĉiulandaj verkistoj, mi altiras la atenton de la gesamideanoj, kiuj ankoraŭ, pro ilia mallerteco verki versaĵojn aŭ prozaĵojn, ne gajnis premion je la antaŭaj literaturaj konkursoj same kiel tiuj, kiuj ne kuraĝis prezenti siajn verkaĵojn al la ĝisnunaj okazintaj konkursoj, pri tio, ke ili sentime decidu partopreni la nomitan literaturan feston, ĉar la listo de premioj por niaj proksimaj Floraj Ludoj estas tre grava kaj pli facile ol iam estas kredeble, ke multaj samideanoj estos premiataj, pro la multenombraj temoj laŭvolaj. La granda nombro da premioj estas sendube la unua sukceso atingita de la Organiza Komitato, kiu deziregas, ke aliĝu kaj ĉeestu nian Kongreson, krom fremdaj samideanoj, la esperantistoj el ĉiuj hispanaj regionoj, kiujn ni tutkore kaj frate invitas por tiu celo. Atentu, do, nian alvokon, karegaj kamaradoj.

Ĉiuj geesperantistoj venu insulon Mallorca, dum la venonta Majo, por honori nian Kongreson!

Ni entuziasme kaj sincere atendas vin. Koran saluton al ĉiuj ĝis, kiam estos eble povi ĉirkaŭpreni vin kaj amike premi viajn manojn.

NARCISO BOFILL,
*Prezidanto de la O. K.*

---

Ni ricevis la supran alvokon de S-ro. Narciso Bofill, prezidanto de la Organiza Komitato, kaj plezure publikigas ĝin, dezirante al niaj fervoraj samideanoj el Palma brilan sukceson por ilia esperanta laborado.

LA REDAKCIO.

❖ ❖ ❖

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas, 11, VALENCIA